BRAZILA ESPERANTISTO OFICIALA ORGANO DE BRAZILA ESPERANTO-LIGO




107-a jaro
N-ro 351
Decembro 2014

# ĈU BEZONATA?




L.-L. ZAMENHOF

Fundamento de Esperanto

GRAMATIKO, EKZERCARO, UNIVERSALA VORTARO

FRANCUJO. — HACHETTE et Cie, *PARIS.*

ANGLUJO. — « REVIEW of REVIEWS », *LONDON*
DANUJO. — ANDR.-FRED. HÖST & SÖN, *KJOBENHAVN.*
GERMANUJO. — MÖLLER & BOREL, *BERLIN.*
HISPANUJO. — J. ESPASA, *BARCELONA.*
ITALUJO. — RAFFAELLO GIUSTI, *LIVORNO.*
POLUJO. — M. ARCT, *WARSZAWA.*
SVEDUJO. — ESPERANTOFÖRENING, *STOCKHOLM.*

1905

# Brazila Esperantisto

Nacia kaj Internacia Kulturo

N-ro 351 – Decembro 2014 • 107-a Jaro





Fundamento de Esperanto (1905)

# Enhavo



> ***Laŭ la antaŭvido de Zamenhof, la Internacia Lingvo evoluis principe same tiel, kiel evoluas kiu ajn lingvo. Ankaŭ tiu fakto estas ĝenerale ne sole malmulte komprenata, sed ofte absolute malkomprenebla eĉ en medioj de lingvistoj kun mondfamaj nomoj.***
>
> ***Ivo Lapenna (1971)***

**Revukunlaboraĵoj**: La ĉefredaktisto rigardas gravaj la kunlaboraĵojn senditajn de legantoj. Tamen, pro hommanko, spaclimigoj en la revuo, kaj kromaj limigoj, li rezervas al si la rajton: **1-e:** ne sciigi la ricevon; **2-e:** ne redoni la sendaĵojn; **3-e:** ne garantii la publikigon; **4-e:** mallongigi tekstojn tiam, kiam necese; **5-e:** ilin reviziigi laŭ ortografio, gramatiko kaj fakvortoj. Kiel gramatikan konsultfonton ni rekomendas la verkon *Plena Manlibro de Esperanta Gramatiko* (v. 15.0), de Bertilo Wennergren. La signifon de ĉiuj vortoj netroveblaj en *Plena Ilustrita Vortaro de Esperanto* (2005) oni aparte klarigu per piednotoj aŭ glosaro.

# Enkonduko

Estimataj Gelegantoj:

Ĉu vi jam renovigis vian aniĝon al BEL? Ĉu vi jam renovigis vian aniĝon al UEA? Prezidanto Mark Fettes sendas al ni ĉiuj mesaĝon, per kiu li klarigas, kial gravas esti membro ankaŭ de nia tutmonda asocio.

Paulo Sergio Viana publikigas en nia revuo la tekston de lia prelego *Ĉu ankoraŭ loko por Esperanto-radio?* Paulo jam dum pluraj jaroj kontribuas regule al *Esperanta Ret-Radio*, unu el la pluraj stacioj en la Interreto kaj tre bone konas la avantaĝojn, kiujn alportas al Esperantistoj la aŭskultado de iliaj programoj.

Anna Maria Lobo, kiel kutime, liveras al ni la plej lastajn novaĵojn pri la Brazila junulmovado, raportante pri eventoj pasintaj kaj okazontaj.

Sekve ni prezentas tri interesajn sciencraportojn: pri medipurigado per bakterioj; pri gena esplorado de sukerkano por fari ĝin pli utila por produktado de energio; kaj pri nubcenso, kiu helpos prognozi la kvanton da pluvo. Ĉiuj esploroj estas farataj en Brazilo.

Paulo Sergio Viana recenzas la libron *Danĝeraj rilatoj*, verkitan de Chaderlos de Laclos kaj unuafoje publikigitan en 1782. Antaŭ nelonge publikiĝis Esperanta versio de tiu fama romano, kiu ĉiam estis populara verko kaj kaŭzis skandalon siatempe, pro la priskribo de homaj fiaĵoj. Tiun libron oni jam filmadaptis sesfoje, en versioj pli aŭ malpli fidelaj al la origina teksto.

Francisco Stefano Wechsler prezentas kelkajn instrukciojn pri la pretigado de manuskriptoj publikigotaj en nia revuo. Verkemuloj, bonvolu legi ilin atente, ĉar ili ŝparos al vi kaj al la redaktisto tempon kaj senutilan penon.

Ĉu vi jam legis aŭ almenaŭ konsultis la libron *Fundamento de Esperanto*? Multaj esperantistoj, precipe el la pli junaj generacioj, tute ne konas ĝin, kaj kelkaj eĉ ne aŭdis pri ĝi. Jen bedaŭrinda fakto, ĉar ĝi konsistigas la neŝanĝeblan bazon de Esperanto, sen kiu la lingvo disfalus. Nuntempe vortaristo Tulio Flores pretigas eldonon portugallingvan de tiu gravega verko. Ni kaptis la okazon por intervjui lin pri tiu laboro.

Euripedes Alves Barbosa plenumis la doloran, sed necesan taskon skribi pri la forpaso de pri du elstaraj gesamideanoj: José Lins de Albuquerque kaj Lia Milhomem Moreno, kiuj siatempe grave kontribuis al la Brazila movado.

Francisco Stefano Wechsler tradukis unu plian rakonton de Machado de Assis; ĝia stilo havas lian kutiman elegantecon kaj ironion.

Maria Nazaré Laroca tradukis parton de poemo de Murilo Mendes kaj aldone prezentas kelkajn detalojn pri lia vivo kaj liaj verkoj.

Inter la amuzaĵoj, ni prezentas unue serion da anekdotoj. La lingvolernigan valoron de anekdotoj agnoskis Zamenhoj mem, kaj ne hazarde la klasika libro *Fundamenta Krestomatio* enhavas plurajn. Ni finas la rubrikon kaj ĉi tiun numeron per unu plia kriptogramo elpensita de José Saraiva Mattos.

Bonan legadon!

La ĉefredaktisto



**Brazila Esperantisto**

ISSN 0006-9477
Oficiala Organo de Brazila Esperanto-Ligo
Fondita en 1907 de Alberto A. Vieira, Reynaldo Geyer kaj Everardo Backheuser
107-a jaro, Decembro 2014, N-ro 351

**Eldona Stabo**
**Ĉefredaktisto:** Francisco Stefano Wechsler

**Ĉi-numeraj kunlaborantoj**: Anna M. Lobo, Euripedes A. Barbosa, Francisco S. Wechsler, José S. Mattos, Mark Fettes, Maria N. Laroca, Paulo S. Viana kaj Tulio Flores

**Grafika aranĝo kaj enpaĝigo:** Francisco S. Wechsler
**Revizio kaj tradukado:** BEL-asesorskipo

Kontribuaĵojn kaj mesaĝojn sendu al la ĉefredaktisto: esperanto@fswechsler.com

**Pri la subskribitaj artikoloj respondecas la aŭtoroj mem**

Brazila Esperanto-Ligo (Fondita en 1907)
**Sidejo:** SDS–Bloco P36–Salas 301/303–Ed. Venâncio III CEP 70393-902 Brasília,DF
**Telefono:** (0xx61) 3226-1298 **Fakso:** (0xx61) 3226-4446
**Retadreso:** bel@esperanto.org.br **Hejmpaĝo:** www.esperanto.org.br

**Estraro**
**Prezidanto:** Evandro Avellar
**Financdirektisto:** Maria Barcellos **Kasisto:** Sandro M. Alves
**1-a Sekretario:** Euripedes Barbosa **2-a Sekretario:** Emilio Cid
**3-a Sekretario:** Francisco Mattos

**Kontrola Konsilantaro**
Guilherme Jardim , Josias Barboza, Paulo Nascentes, Aymoré Vaz Pinto, James Piton kaj Ana Rosario Koide Kamey de Oliveira

**Federacia Konsilantaro**
**Prezidanto:** Márcio Santos Nascimento
**Komitatano-A:** Rafael Zerbetto
**Ĉefdelegito de UEA**: Emilçio Cid

# Aliĝo al UEA utilas! Aliĝo helpas!

## Mark Fettes*





Kiam mi laboris en la Centra Oficejo de UEA en la okdekaj jaroj, ni havis inter sep mil kaj ok mil individuajn membrojn. Nun la membronombro ŝvebas ĉe la limo de kvin mil. Samtempe, tamen, Esperanto disfloras inter multaj junuloj tutmonde, kiuj danke al Interreto fariĝis aktivaj lernantoj kaj uzantoj de la lingvo; kaj ankaŭ mankas en nia vicoj multaj "veteranoj" de la movado. Nia membrovarba kampanjo celas do rekreskigi nian "rondon familian," kiu praktike kaj simbole konsistigas la kernon de la Esperanto-movado mondskale.

Kial do aliĝi al UEA? Ekzistas multaj bonaj argumentoj por tio. Helpu nin disvastigi ilin — dum landaj kongresoj, ĉe lokaj grupoj, en revuoj, en *Facebook*, *Lernu.net*, radioprogramoj kaj en Esperanto-televido. Kaptu ĉiun okazon por mencii, ke vi mem estas membro de UEA. Per via helpo, nia monda asocio povos rekapti la fortojn bezonatajn por fronti la defiojn de la 21-a jarcento!

Per aliĝo al UEA, oni kontribuas al la tutmonda kresko de Esperanto. Ĉiujare per siaj diversaj fondaĵoj UEA donas konkretan subtenon al asocioj kaj aktivuloj en Azio, en Afriko, en Ameriko; per tiu agado, nia komunumo fariĝas kulture pli kaj pli riĉa, bunta, inkluziva.

Per aliĝo al UEA, oni plifortigas la voĉon de la lingvo kaj movado. Estas ĉefe la reprezentantoj de UEA kiuj argumentas por la valoro kaj aktualeco de Esperanto ĉe UN kaj Unesko kaj en diversaj internaciaj forumoj. Tiu agado ankaŭ helpas krei kondiĉojn por sukcesa informado sur lokaj kaj landaj niveloj.

Per aliĝo al UEA, oni subtenas instruadon de Esperanto kaj trejnadon de aktivuloj. Interalie, la AMO-seminarioj de UEA donas rimedojn kaj okazojn por vastigi la konojn kaj kapablojn de homoj sur ĉiuj niveloj de la movado.

Per aliĝo de UEA, oni esprimas solidarecon kun la mondvasta Esperanto-komunumo. Ĉiujare UEA subtenas kulturajn projektojn diverslande, venigas homojn al kongresoj kaj seminarioj, kaj membrigas junulojn el malriĉaj landoj por doni al ili senton de aparteno al la internacia komunumo. Ofte la dankmesaĝoj de tiaj junuloj al la CO estas ege kortuŝaj.

Kaj ni ne forgesu, ke UEA-membreco ankaŭ donas personajn avantaĝojn. Inter ili aparte menciindas forta rabato al Universalaj Kongresoj, 10%-a rabato en la Libroservo, kaj abono al la Gvidlibro aŭ Jarlibro kaj la revuo *Esperanto*, papere kaj rete. Por aktiva esperantisto, tiuj estas nemalhaveblaj rimedoj por partopreni en la movado en tutmonda skalo.

Ne mankas argumentoj. Ni disvastigu ilin! Farante tion, tamen ne forgesu pagi vian propran kotizon — eĉ ankoraŭ por la jaro 2014! Kaj pagante por la jaro 2015, la jaro de la 100-a Universala Kongreso, memoru samtempe pri la ekzisto de aliaj kategorioj per kiuj oni speciale povas subteni UEA, kiel Societo Zamenhof, Dumviva Membreco aŭ Patronoj de TEJO. Per donacoj al Fondaĵo Canuto vi povas subteni homojn el malriĉaj aŭ nepagipovaj landoj.

Ek al rekorda kresko de nia membraro en 2015!

*Nuntempa Prezidanto de UEA.

# Ĉu ankoraŭ loko por Esperanto-radio?

Paulo Sergio Viana



Esperanto estas speciala lingvo kaj la Esperantista komunumo estas tute aparta homgrupo. Oni apenaŭ povus kompari ĝin kun aliaj lingvogrupoj. Multaj homoj fervore (aŭ almenaŭ sincere) daŭre partoprenas en ĝi, kvankam ili ne plene regas la lingvon. Oni nomas ilin "komencantoj". Kaj bedaŭrinde de tiuj ekzistas du kategorioj: la veraj, portempaj komencantoj kaj la "eternaj" komencantoj. Ĉi tiuj lastaj apenaŭ lernas elementojn de la lingvo, sufiĉajn por salutoj kaj simplaj frazoj, kaj post tio ili ne plu progresas. Suferas la lingvo (kiu perdas prestiĝon, se oni konsideras, ke tiom da homoj ne sukcesas funde lerni ĝin), kaj perdas mem tiuj "duon-esperantistoj" (kiuj ne sukcesas aktive partopreni kaj ĝui la riĉaĵojn de la Esperanta kulturo, kaj sentas sin malsuperaj en Esperantista societo).

Kompreneble, eliri el la situacio de komencanto — el ambaŭ kategorioj — estas urĝa afero kaj dependas preskaŭ nur de la koncerna homo mem. Li devas dediĉi parton de sia ĉiutaga tempo al la praktikado de la lingvo. Fine, por kio oni lernas lingvon, se ne por uzi ĝin?

Fariĝi progresanto ne estas tre malfacila tasko. Sufiĉas iom da disciplino kaj aktiva sinteno fronte al la lingvo. Kelkaj konataj paŝoj estas rekomendindaj:

1. Enskribiĝi en konversacian kurson. Tamen, neniu estu tiel naiva, ke li kredas, ke lecionoj unufoje semajne sufiĉas por havigi fluecon. Krome, ne ĉiuj disponas en sia urbo pri klubeto kun tia kurso.

2. Legi almenaŭ po unu-du paĝojn da bona teksto ĉiutage. Ne sufiĉas trarigardi la tekston. Oni devas uzi la vortaron, certiĝi pri kompleta kompreno kaj poste legi ĝin laŭtvoĉe plurfoje, ne pensante pri la traduko. Nuntempe ekzistas amaso da facilaj literaturaĵoj facile haveblaj, antaŭ ol oni sin direktos al Zamenhofaj kaj aliaj tekstoj. Se oni trovas nekompreneblan frazon, oni rajtas senĝene kontakti pli spertan Esperantiston, kiu volonte helpu.

3. Teni konstantan skriban kontakton kun alilandaj Esperantistoj, kaj peti, ke ili helpu korekti eventualajn misuzojn de la lingvo. Nuntempe, per interreto, tio povas esti instrua kaj amuza sperto.

4. Partopreni en lokaj, regionaj, landaj kaj eĉ internaciaj Esperantoeventoj kaj klopodi ne "krokodili". (Estas vere mirinde, kiom da homoj kunsidas en tiaj okazaĵoj kaj fervore praktikas… la nacian lingvon! Kiusence?)

Tiuj kvar punktoj supre menciitaj estas tre helpaj, kiel oni scias. Sed mi konstante miras, kiom ofte oni ignoras kvinan punkton, pri kiu mi volas pli detale pritrakti. Temas pri radio en Esperanto. Mi miras, ĉar mi konstatas, ke relative malmultaj samideanoj uzas tiun gravan parton de nia kulturo por kleriĝi kaj por plibonigi sian lingvonivelon. Se mi parolas pri radio en Esperanto, mi celas precipe la amason da aŭskulteblaj programoj nuntempe ekzistantaj en interreto, tute senpage. Ja eblas aŭskulti radion nialingve per tradiciaj radiaparatoj, sed ĉi tio fariĝis fakte anakronismo. Mi aludos nur pri interrete aŭskulteblaj programoj.

Aŭskulti estas tre grave! Ni ofte forgesas, ke ĝi estas la plej natura, aŭtomata maniero eklerni lingvon. Tiel ni ĉiuj eklernis nian familian lingvon, kiam ni apenaŭ povis grumbli kaj plori, kaj aŭskulti niajn gepatrojn. Antaŭ ol ekparoli, ni ĉiuj, kiam ni estis beboj, eklernis aŭde kompreni la lingvon! Kaj tio perfekte funkcias ankaŭ por plenkreskaj homoj, kiam ili klopodas lerni novan lingvon. Fundamenta regulo devus esti: unue komprenu, poste parolu! Kelkaj minutoj ĉiutage certe rapidigos la alprenon de la lingvo.

Jen en ĉi tiu punkto intervenas radioj en Esperanto. Certe ne ĉiu komencanto povas persone aŭskulti paroladon en Esperanto ĉiutage. Sed per interreto eblas ja fari tion kun la certeco, ke li aŭskultas la lingvon en ĝusta formo kaj elparolo. Kaj nuntempe li povas elekti inter tuta gamo da programoj, por ĉia gusto. Krom la didaktika valoro de tiuj elsendoj, oni devas aldoni, ke ili proponas ofte klerigajn enhavojn, kiuj povas interesi ankaŭ pli spertajn lingvokonantojn. Mi riskus aserti, ke

por progresado en la lingvo ili estas eĉ pli efikaj ol filmoj, ĉar oni forigas la vidan, distran enhavon de la scenoj kaj privilegias la orelan; per tio la aŭskultanto estas devigata multe pli atenti pri la lingva aspekto de la materialo. Kelkaj elsendoj eĉ disponigas la tekston de tio, kion oni aŭskultas, por faciligi la aferon al plej diligentaj klientoj. En tia okazo, estas tre profite, se oni unue legas la tekston, konsultante la vortaron, poste oni aŭskultas ĝin (akompane de legado) kaj triapaŝe oni klopodas aŭskulti kaj kompreni (sen legado). Tiajn diligentajn aŭskultantojn oni certe baldaŭ ne plu nomos "komencantoj", mi garantias!

Jen ĉi-sube mi mencias kelkajn el la plej konataj radioelsendoj en Esperanto. Certe mia listo ne estas kompleta, kaj mi petas pardonon pro mankoj. Traserĉado en interreto kompletigos la liston facile.

• *Pola Radio en Esperanto:* `http://pola-retradio.org/`. Unu el la plej malnovaj, tradiciaj. Nuntempe po 25-minutaj programoj dufoje ĉiusemajne. Alta lingvonivelo, kun informoj pri Pollando, scienco, literaturo kaj Esperantomovado. Tradicie elsendas el la Universalaj Kongresoj de Esperanto.

• *Ĉina Radio Internacia:* `http://esperanto.cri.cn/radio/info.htm`. Preskaŭ ĉiutage novaj programeroj elparolataj en bonega prononco kaj varia enhavo. Fakte la retejo estas tre riĉa, kun tekstoj, dosieroj por aŭskultado, filmetoj, fotoj, raportoj. Ankaŭ teknike altnivela. Ankaŭ informas okaze de Universalaj Kongresoj kaj aliaj eventoj.

• *Muzaiko:* `http://muzaiko.info/`. La plej moderneca, junul-stila radio en Esperanto. Ili amas la vorton *mojosa*. Trihora programo ĉiutage, kun multe da muziko, informoj, intervjuoj, raportoj. Eblas aŭskulti malnovajn programerojn en la retejo. Ĝi invitas al partopreno ankaŭ de aŭskultantoj.

• *Radio Vatikana:* `http://www.radio-vatikana-esperanto.org/`. Dekminutaj programoj, trikvarfoje ĉiusemajne. Bonega elparolo, plej ofte (sed ne nur) kun religia enhavo. Belaj dimanĉaj evangeliaj mesaĝoj. Ĝia arkivo enhavas pli ol mil tuj aŭskulteblajn sonregistraĵojn.

• *Radio Havano:* `http://www.ameriko.org/radiokubo`. Ĉiusemajne tridekminuta programo kun bona elparolo, lokaj, ĝeneralaj kaj Esperantaj informoj kaj muziko.

• *Budhisma Radio Esperanto (BRE):* `http://www.budhano.cn/podkasto`. Informoj kaj religiaj programeroj. Elparolo kun iom orienta akĉento, sed perfekte klara. Eblas akompani per tekstoj.

• *Esperanta RetRadio:* `http://esperantaretradio.blogspot.com.au/`. Ĉiutage nova kvin-sesminuta sonartikolo kun plej varia enhavo pri la moderna vivo: scienco, arto, filozofio, kuriozaĵoj, teknologio. Eblas ĉiam akompani per legado de la koncernaj tekstoj.Foje aperas ilustraj filmetoj. Interesa por observi diverslandajn akĉentojn: alterne parolas brazilanoj (du!), aŭstro, italdevena israelano, israelanino.

• *3zzz Radio en Esperanto:* `http://melburno.org.au/3ZZZradio/`. Aŭstralia unuhora ĉiusemajna programo kun klara elparolo (kvankam kun iomete da akĉento). Ĝi enhavas legadon de artikoloj el la Esperanta gazetaro, kanzonojn, informojn. La parolistoj spontane, simpatie prezentas sian materialon.

Nu, ne eblas komenti ĉiujn. Ni nur citu du aliajn: *Varsovia Vento* (`http://www.podkasto.net/`), *Radio Aktiva* (`http://www.ameriko.org/eo/radioaktiva`). Ĉiu interesato devas mem serĉi siajn preferatajn radiojn en Esperanto. Kaj baldaŭ fariĝi ekskomencanto…

❋❋❋❋



# BEJO-novaĵoj

## Anna Maria Lobo

### 50-a Brazila Kongreso de Esperanto / 35-a Brazila Esperantista Junulara Kongreso

De la 23-a ĝis la 27-a de Januaro de 2015 okazos nia landa kongreso de Esperanto en Rio-de-Ĵanejro. Ni jam multege laboras por ke vi plej ĝuu la urbon kaj la kongreson. Dum la renkontiĝo okazos diversaj prelegoj, la skriba parto de la KER-ekzamenoj, la AMO-seminario pri kiel iĝi sperta aktivulo, sen forgesi la partoprenontojn! Sen ili la kongreso ne funkcius! Aliĝu kaj venu! Ni atendas vin en Rio por esperantumi kaj amuziĝi!

Aliĝilo ĉe: esperanto.org.br/kongreso

### 6-a NOVA

Ĉi-jare nia jam tradicia Novjara Aranĝo okazos en la apudmara urbo Arakaĵuo. Ĝi okazos de la 30-a de Decembro ĝis la 4-a de Januaro, kaj ni invitas ĉiujn partopreni ĝin! Ĝi ja estos ĉarma kaj bonetosa renkontiĝo apud geamikoj!

Pliaj informoj ĉe: facebook.com/novjaraarangxo

### Prezidanto reprezentas TEJO-n

De la 29-a ĝis la 30-a de Oktobro, la Unuiĝintaj Nacioj okazigis la Unuan Forumon pri Junularaj Politikoj. Gejunuloj el la tuta mondo vojaĝis al Bakuo, ĉefurbo de Azerbajĝano por pridiskuti vojojn por la mondaj nuntempaj problemoj rilate al la junularo kaj politikoj junularcelaj. Ni fiere raportas, ke nia kara prezidanto Fernando Maia Jr. partoprenis la forumon kiel reprezentanto de TEJO (ano de la Komisiono por Eksteraj Rilatoj) kaj rezulte de BEJO, pro niaj agoj por Esperanto en Brazilo. La voĉo de nia movado manifestiĝis en gravaj diskutoj pri kiel plibonigi la mondon, kaj pere de brazilano. Mirinde, ĉu ne? Fine de la forumo okazis ankaŭ la jara kunsido de IKRJO, la Internacia Kunordiga Renkontiĝo de Junularaj Organizoj. Ĉiujare elektiĝas skipo el sep organizoj, kiu celas reprezenti ĉe UNO la junularan organizaron. Ĉi-jare, danke al la grupa laboro de Fernando kaj la Komisiono por Eksteraj Rilatoj, TEJO estis elektita unuafoje membro de la skipo.



### Brazilanoj en Ĉina konkurso pri filmoj

Ĉina Radio Internacia okazigas konkurson kiu venigos la gajninton al Ĉinio senkoste! La konkurso estis vaste disvastigata de BEJO. Por partopreni, oni devis krei filmon kies temo estas *Teo kaj Amo* kaj sendi ĝin al ili laŭ la reguloj ĝis fino de Novembro. Nia lando estas unu el tiuj kiuj havos plej multe da partoprenantoj, do ni ege ĝojas! Ni jam deziras bonŝancon al ĉiuj partoprenantoj kaj speciale al niaj brazilanoj!



Pliaj informoj ĉe: http://esperanto.cri.cn/filme/

### Kontakto

Ĉe Facebook: www.facebook.com/bejoesperanto
Ĉe Twitter: www.twitter.com/bejoesperanto
Retpoŝte: bejoesperanto@gmail.com





# Sciencaj novaĵoj



## Bakterioj helpas trakti la akvon el petrolrafinejoj

Petrolrafinejoj uzas grandan kvanton da akvo dum industria procezo nomata kataliza krakigado, kiu celas plialtigi la rendimenton de produktoj, kiel benzino kaj likva petrolgaso, per aliigo de pezaj frakcioj el petroldistilado al frakcioj malpli pezaj, kun pli alta komerca valoro.

Tiun industrian elfluaĵon, nomatan *acida akvo*, oni ne povas destini rekte al traktado, ĉar ĝi estas riĉa je venenaj malpuraĵoj, kiel fenoloj, cianida kaj sulfida gasoj, krom amonio, hidrokarbonoj kaj tioloj, kaj rezulte la rafinejoj devas stokigi ĝin por fopreni la amonion kaj sulfidojn antaŭ ol forĵeti ĝin.

Sciencistoj ĉe la Universitato de Sanpaŭlo kaj ĉe la Centro pri Instruado kaj Esplorado pri la Medio eltrovis pli praktikan solvon por la traktado de acida akvo. Ili identigis du bakteriojn — *Achromobacter sp.* kaj *Pandoraea sp.* — kapablajn redukti la koncentron de venenoj en acida akvo al akcepteblaj niveloj, kio ebligas, ke oni forĵetu ĝin en la medion aŭ reuzu ĝin en industriaj procezoj ĉe rafinejoj.

Por elprovi la kapablon de la bakterioj malkomponi fenolojn, la esploristoj faris du malsamajn eksperimentojn. En la unua, farata en bioreakciujoj, ili aldonis 100 militrojn da vivmaso el *Achromobacter sp.* al 500 mililitroj da acida akvo kaj tenis la bakteriojn en la solvaĵo dum 82 horoj.

En la dua eksperimento, ili tenis dum 96 horoj rasojn de *Pandoraea sp.* en solvaĵo el acida akvo en Erlenmeyer-boteloj.

Por senkolorigi la acidan akvon traktitan per bakterioj, ili uzis aktivigitan karbon similan al tiu uzata en hejmaj akvofiltriloj.

La rezultoj de la eksperimentoj montris, ke la bakterioj kapablis malkomponi fenolojn kaj rilatajn substancojn, kiel o-krezolon kaj m-krezolon en koncentroj ĝis 500 partoj en miliono. Tamen la bakterio *Achromobacter sp.* agis plej efike kaj montris sin kapabla malkomponi fenolojn en koncentroj ĝis du gramoj en litro da solvaĵo.



Bioreakciujo

Unu el la eblaj manieroj uzi la bakteriojn por trakti acidan akvon estus la aplikado de filmo el mikroorganismoj al biologiaj cilindroj, similaj al akvoradoj, kiuj restus parte enakve kaj turniĝus sur la supraĵo de stokujoj de elfluaĵo, ĉar tiuj bakterioj bezonas aeron. Turniĝante, la cilindro ebligus al la bakterioj jen kontaktiĝi kun la elfluaĵo kaj malkomponi la venenajn substancojn, jen resti elmetataj al aero.

Biorebonigo — la nomo donata al la uzo de mikroorganismoj por transformi nedezireblajn ĥemiajn produktojn, por senmovigo de metaloj aŭ por aliigo de la proprecoj de materialoj por pliefikigi la uzon de medirimedoj, kiel akvo kaj tero — estas agnoskata kiel unu el plej etkostaj solvoj por rebonigo de malpurigitaj akvo kaj grundo.

## Genesplorado faras plantojn pli rezistaj kaj utilaj

La identigo de la genoj, kiuj regas gravajn procezojn en la vivo de plantoj, helpas fari ilin pli rezistaj al plagoj kaj malsanoj kaj pli adaptitaj al la terglobaj postuloj por nutraĵoj kaj energio.

Brazilaj kaj Usonaj sciencistoj esploras, kiel regi la sintezon de lignino en sukerkano. Lignino estas molekulego, kiu donas al la strukturoj de terplantoj

rigidecon, rezistemon kaj akvimunecon, kaj rezulte ŝirmas sukerkanon, sed ankaŭ malfaciligas la uzon de ĝia rekremento por produkti etanolon, malhelpante la reakciojn, kiuj liberigas la sukerojn el la ĉelvandoj por posta fermentado. La esploroj celas atingi kanon gene modifitan kun alta aŭ malalta koncentro de lignino, laŭbezone. Tio ebligus malaltigi la koncentron de lignino aŭ ŝanĝi ĉi ties proprecojn por faciligi la fermentadon; aliflanke, oni povus plialtigi la koncentron de lignino por uzi sukerkanon kiel fonton de energio, ĉar la bruligo de ties vivmaso povas esti uzata por generi elektron.

Oni sukcesis ĝis nun identigi kvin koncernajn genojn, kies influo sur la sintezo de lignino estas esplorata.

## Finpretiĝis la unua nubcenso de Brazilo

Por prognozi precize ekstremajn klimateventojn, kiel tempestoj, aŭ simuli efikojn de klimatŝanĝoj, necesas pliprofundigi la scion pri la fizikaj procezoj, kiuj okazas ene de nuboj kaj eltrovi la variadon de faktoroj, kiel la grando de pluvgutoj, la proporcio de tavoloj el akvo kaj glacio kaj la funkciado de elektraj malŝargoj.

Tiucele, oni kolektis datenojn de 2010 ĝis 2014 en ses Brazilaj urboj, sub la kunordigo de la Nacia Instituto pri Spacesplorado. La regionoj elektitaj por la surkampa esploro reprezentas la diversajn plureĝimojn de Brazilo.

Oni uzis komunan aron da instrumentoj — inkluzive de nub-radaroj kun duobla polarizo — ĉe la diversaj lokoj, por ke la mezurojn oni povu interkompari kaj parametrigi por modeligo.

La radaro kun duobla polarizo sendas horizontalajn kaj vertikalajn ondojn, kiuj, reflektite, indikas la formaton de la glacikristaloj kaj de la pluvgutoj; ĉi tio helpas eltrovi la konsiston de la nuboj kaj la meĥanismojn de formiĝo kaj intensiĝo de la elektraj malŝargoj dum tempestoj. Oni ankaŭ kolektis aliajn datenojn, kiel temperaturo, malsekeco kaj konsisto de aerosoloj.

En la Brazila nordoriento, la granda defio estas taksi la pluvon falontan el la tiel nomataj varmaj nuboj, kiuj ne havas glacikristalojn en sia interno. Tiaj nuboj estas ordinaraj ĉe la nordorienta duonseka regiono. Ĉar ili ne enhavas glacion, ilian akvenhavon preteratentas la mikroondaj sensiloj de la satelitoj ordinare uzataj por pluvmezurado, kio rezultigas malprecizajn datenojn. La mezurado de varmaj nuboj farita per la radaro ĉe Alkantaro, Maranjano, montris, ke la satelita mezurado subtaksis la akvovolumenon je pli ol 50%.

Surbaze de la rezultoj, oni elprovis en Fortalezo



Radaro

sistemon por prognozo de tempestoj, kiu ebligas prognozojn pri la venontaj du horoj kaj ekscii, kie pluvas intense kaj kiel la situacio ŝanĝiĝos post 20-30 minutoj. Aldone oni uzis mapon pri inundoj, per kiu eblas prognozi, kiuj regionoj inundiĝos, se ekzemple la akvonivelo altiĝos je unu metro.

La eksperimento tiel bone sukcesis, ke la skipo decidis ripeti ĝin dum postaj kampanjoj. La sistemo kontribuas por malplialtigi la atingeblon de la loĝantaro fare de ekstremaj klimateventoj, ĉar ĝi liveras informojn ne nur al registaraj agentoj, sed ankaŭ al civitanoj.

La suda kaj sudorienta regionoj prezentaj la plej grandajn pluvgutojn kaj miksan tavolon, en kiu troviĝas akvo likva kaj solida. Tio ĉi estas la ĉefa kaŭzo de la pli granda ofteco de elektraj malŝargoj en tiuj regionoj.

Kontraste, en la Amazoniaj nuboj la glacitavolo estas la plej elvolviĝinta ol en aliaj regionoj, kaj situas sur la nubosuproj — je pli ol 20 kilometroj da altitudo. La apudmaraj regionoj, kiel Alkantaro kaj Fortalezo, havas pli grandan kvanton da varmaj nuboj, en kiuj preskaŭ ne okazas elektraj malŝargoj.

(Fonto: FAPESP.)

# Bela parado de homaj fiaĵoj

## Paŭlo Sergio Viana



La tuta moralo de la okcidenta kaj orienta mondoj koincidas je la fundamento, ke justeco, honesteco, sincereco, fideleco, respektemo, kompatemo, laboremo, veremo kaj similaj virtoj estas ĝustaj kaj sekvendaj, por la bono de ĉiuj homoj. Oni apenaŭ povus kontesti ilin, sendepende de religiaj aŭ filozofiaj inklinoj. Kiel do eblas klarigi la daŭran, fortan sukceson de libro, kiu en ĉirkaŭ 300 paĝoj priskribas preskaŭ nur maljustaĵojn, malhonestaĵojn, falsaĵojn, malfidelaĵojn, malrespektaĵojn, senkompatajn agojn, nenifaremon, mensogojn kaj similajn malvirtaĵojn? Tiu sukcesa verko tamen ekzistas, estas monde konata kaj antaŭ ne longe ricevis Esperantan veston. Temas pri la klasika *Danĝeraj Rilatoj*, de la franca marŝalo Choderlos de Laclos.

Temas fakte pri eksterordinara romano, tute konsistanta el leteroj inter francaj nobeloj en la 18-a jarcento. En ĝi, nenifaraj diboĉuloj okupiĝas nur per klaĉado kaj delogado de naivuloj, sen eĉ plej eta moralsento. Ciniko kaj malico defiladas ĝis naŭzo, kaj la ĉefaj figuroj rafinas la arton trompi kaj ĵeti koton sur siajn samsocietanojn. Vera spektaklo de sovaĝeco transvestita per societa afektemo. Kaj tamen la tuto estas tiel arte verkita, tiel lerte muntita laŭ sia sinsekvo de leteroj, ke la leganto kaptiĝas de la perversa intrigo kaj fascina fieco de la homa konduto. Montriĝas en sia plena forto la potenco de literaturo, kiu spitas moralismon por nudigi la realan homan animon, kun ĉiuj ĝiaj makuloj. Mistero: oni legas kun granda plezuro pri la homaj fiaĵoj! (Cetere, mi pensas: ĉu ne simile faras nuntempaj kinaj filmoj kaj televidaj felietonoj, malgraŭ ke ofte kun tre malpli da arto?...)

Pierre-Ambroise-François Chaderlos de Laclos (1741–1803) estis militisto sub Napoleono, kaj lia verko, publikigita en 1782, kaŭzis skandalon siatempe, pro la denunco pri la vera spirito de la franca nobelaro. Ĝis tiam, oni montris la aristokrataron kiel altspiritajn homojn… La romano okazas nelonge antaŭ la Franca Revolucio kaj kvazaŭ pravigas la sangan banon al kiu submetiĝis tiu morale putriĝinta socio. Ĉu la revolucio atingis vere grandan rezulton — nu, ĉi tio estas alia afero.



La libro motivis pli ol unu version por kino, interalie fare de Roger Vadim kaj Milos Forman.

La belan Esperanto-eldonon faris nia konata brazila Eldonejo Fonto, en la jaro 2012, kun la kutimaj pureco, alta kvalito, bonaj papero kaj preso. La ĉarma kovrilo reproduktas pentraĵon de nuda virino en iom aŭdaca pozo. (Pri la kovrilo, permesu al mi amuzan klaĉeton, laŭ la spirito de la libro mem: unu estro de grava brazila Esperanto-institucio sekretumis al mi, ke li devis kovri la kovrilon de la libro por ricevi la permeson meti ĝin sur la montrofenestron de sia librovendejo! La devigon starigis prudaj samidean-in-oj. Kaj plej mirinde: li obeis!)

Esperantigis la verkon la kompetenta Jean-Luc Tortel. La teksto en nia lingvo fluas perfekte, tiel ke de la unuaj paĝoj oni tute forgesas, ke temas pri traduko. Subtilaj pensoj, delikataj nuancoj kaj la muzikeca sonado de la bela franca lingvo plene reeĥiĝas en la brila traduko. Al la atentokapta enhavo aldoniĝas la koloroj de tute natura, flua stilo. La tradukinto elektis naturan, “normalan” Esperanton por sia teksto, kiel konvenas al klasikaĵo. Kompreneble, kelkaj modernaĵoj en nia lingvo estis uzitaj, kiel la (laŭ mia gusto iomete antipatia) vorteto *far*. Vere miriga estas nur la uzo de la neologismo *palavro* (paĝo 72).

*(Daŭrigota sur la paĝo 20.)*

# Pretigado de manuskriptoj por *BE*

Francisco S. Wechsler

Ĉi tiu artikoleto liveras kelkajn instrukciojn pri la pretigado de manuskriptoj publikigotaj en *Brazila Esperantisto*, celante, ke ili estu fasonitaj pli facile, fidinde kaj rapide.

## Enhavo kaj lingvo

Brazila Esperantisto estas la oficiala organo de Brazila Esperanto Ligo, kiu siavice reprezentas oficiale la Brazilan esperantistaron. Tial la artikoloj en ĝi publikigitaj devas ĉiam atingi akcepteblan kvalitnivelon, kaj enhave kaj lingve.

Oni rajtas pritrakti iun ajn temon, kondiĉe ke estu respektataj kelkaj fundamentaj principoj, nome: neŭtraleco pri politiko kaj religio, same kiel malesto de obscenaĵoj kaj de antaŭjuĝoj pri sekso, raso kaj ceteraj homaj karakterizoj. Krome, ni akceptas nur verkojn en Esperanto.

Ni ofte ricevas kontribuaĵojn verkitajn en lama, malklara aŭ gramatike malĝusta lingvo. Tio ĉi postulas ekstran tempon de redaktisto por glatigi la stilon, klarigi la enhavon kaj korekti la gramatikajn erarojn. Aliflanke, dum sia korektado la redaktanto, eble miskompreninte la tekston, riskas forigi aŭ misformi gravajn detalojn.

La aŭtoroj komprenu, ke ili devas sendi artikolojn skribitajn en bonkvalita lingvaĵo. Ĉi-cele ni rekomendas, ke ili laŭbezone helpu sin per tri bazaj verkoj: *Fundamento de Esperanto*, *Plena Manlibro de Esperanta Gramatiko* kaj *Plena Ilustrita Vortaro*. Ĉiuj tri estas haveblaj kaj perrete kaj libroforme. Ankaŭ tre rekomendindas, ke lingve lerta kolego reviziu la manuskripton. *Brazila Esperantisto* ne akceptas artikolojn, kiuj uzas ian ajn "reformitan" Esperanton.

Koncerne la vortprovizon, aŭtoroj rajtas uzi, sen aldona klarigo, iun ajn radikon, kiu troviĝas en PIV — escepte se temas pri nova signifo de tiu radiko, kiun oni klarigu per noto. Aŭtoroj ankaŭ rajtas enkonduki radikojn ne troveblajn en PIV — sed ankaŭ ĉi-okaze ili aldonu klarigajn notojn.

## Dosierformatoj

Ni akceptas por fasonado la jenajn dosierformatojn por tekstoj: .doc, .docx, .odt kaj .htm (aŭ .html). Bonvolu ne sendi tekstojn en iu ajn alia formato. Ankaŭ bonvolu tajpi viajn dosierojn uzante Unikodan (UTF-8) tiparon, kiu enhavu la supersignitajn literojn de nia lingvo. Ni forte malrekomendas surogatojn kiel la h- aŭ la x-sistemoj..

Por ilustraĵoj, estas principe akcepteblaj la jenaj formatoj: .jpg (aŭ .jpeg), .png, .tif (aŭ .tiff), .eps, kaj .svg. Tamen notu, ke ĉiu el ili prezentas avantaĝojn kaj malavantaĝojn. La tri unuaj konsistas en matricoj de bilderoj, dum la lastaj du estas vektoraj formatoj, t.e., ili entenas instrukciojn por desegni liniojn, enmeti kolorojn ktp.

Por fotoj, taŭgas la formatoj .jpg, .png kaj .tif. La unua, kvankam la plej uzata kaj plej malpeza, ne estas tiom rekomendinda, ĉar detaloj perdiĝas pro la kompaktigo. Memoru, ke la enaĵo de *Brazila Esperantisto* estas presita nigra-blanke; do foto, kiu aspektas tre bela plurkolore, eble ne aspektos sufiĉe bona nigra-blanke. Aliflanke, fotoj, kiuj aperos sur la kovrilpaĝoj, devas esti koloraj.

Kiam oni prenas bildon en matrica (bildera) formato kaj plilarĝigas ĝin, ĝia klareco iom post iom malaltiĝas. Tio ĉi okazas, ĉar la bilderoj disiĝas pli kaj pli. Por ke bildo en matrica formato atingu bonan preskvaliton, necesas, ke ĝi havu minimume po 300 bilderoj por colo. Ekzemple, supozu, ke vi intencas sendi foton, kies presdimensioj estos 80 x 65 mm, t.e., ĝi okupos la larĝon de unu kolumno en nia revuo. En coloj, la dimensioj estos 3,15 x 2,56. Vi do bezonos minimume: (3,15)(300) x (2,56)(300) = 945 x 768 = 725.760 bilderojn.

Por desegnaĵoj taŭgas la formatoj .png, .tif, .eps kaj .svg. Ĉar la unuaj du estas bilderaj, al ili aplikiĝas la instrukcioj de la antaŭa alineo. Sed, kiam eble, sendu vian desegnaĵon en la formato .eps aŭ .svg (preferinde en la ĉi-lasta). Plilarĝigo de tiuj bildoj ne malaltigos ilian klarecon.

# La *Fundamento* en la Portugala

## Intervjuo kun Tulio Flores



**Multaj esperantistoj el la novaj generacioj ne scias, kio estas la *Fundamento de Esperanto*. Bonvolu klarigi al ili, kio ĝi estas kaj kiel ĝi naskiĝis.**



La *Fundamento de Esperanto* estas libro, kiun lanĉis Zamenhof en 1905 kaj la esperantistoj proklamis leĝo en la Unua Universala Kongreso de Esperanto, okazanta en la franca urbo Bulonjo-ĉe-Maro. Se fari komparon, la *Fundamento* estas kiel gvidlibro kun la uzinstrukcio de la lingvo Esperanto, same kiel oni havas uzinstrukciojn de iu nova elektronika aparato, kiun oni aĉetis. Ĝi estas la firma bazo sur kiu konstruiĝas la granda domo de la Esperanta literaturo kaj tradicio.

Fakte, la Fundamento konsistas el la kunigo de tri verkoj, kiuj aperis en malsamaj momentoj de la historio de Esperanto. La unua estas la *Gramatiko*, parto de la *Unua Libro*, kiu publikiĝis en la jaro 1887. La dua parto estas la *Universala Vortaro*, kies unua eldono aperis fine de Aŭgusto 1893. Kaj trie aperis la *Ekzercaro*, meze de 1894. Ĉi tiuj tri verkoj jam estis rigardataj de la esperantistaro kiel kvazaŭ-leĝaj ekde siaj aperoj.

La unueciga forto de la etnaj lingvoj estas la tradicio de multaj jarcentoj de uzado. En 1905 Esperanto havis nur 18 jarojn da ekzistado. Kiel garantii, ke tiu juna lingvo ne dissplitiĝu en multajn dialektojn, kiam cento aŭ miloj da homoj tra la mondo komencos uzi ĝin? Zamenhof, estante mem hebreo, konis la forton de la libro, kiu tenis la unuecon de la hebrea popolo dum jarcentoj. Eble tial li ekhavis la ideon kunigi en unu solan libron tiujn tri verkojn, kiuj jam estis la leĝoj de funkciado de lia lingvo. Kaj per la *Deklaracio de la Esenco de la Esperantismo*, aprobita de ĉiuj esperantistoj dum la unua kongreso de la esperantistoj, la verketo *Fundamento de Esperanto* fariĝis la unu-nura leĝo, kiun ĉiu esperantisto devas obei, por ke le lingvo ne nur konserviĝu sed ankaŭ pliriĉiĝu kaj evoluu dum la sekvaj jaroj de sia ekzistado.

**Ĉu ankoraŭ indas studi la *Fundamenton*? En kiaj cirkonstancoj?**

Sendube ja tre indas studi la Fundamenton. Ĝi devas esti studata de ĉiu esperantisto, por ke ĉi tiu konu, kiel funkcias la lingvo. Kompreneble, la plej simpla maniero studi la libron estas legi ĝin atente kaj ne nur unufoje. El la tuta teksto, eble la plej grava parto estas la Antaŭparolo, ĉar tie Zamenhof priskribas detale, kio estas la Fundamento kaj kiel ĝi devas esti uzata de la esperantistoj. Krome, li diras al ni, kiel la Fundamento povas gardi la lingvon kontraŭ ruinigaj reformoj kaj kiel ĝi povas helpi la perfektigadon kaj pliriĉigadon de la lingvo. Grupa studado ankaŭ estas bona rimedo, ĉar ĝi ebligas kompari nian interpreton de la teksto kun la interpreto farita de aliaj homoj.

> *Kuŝas ie sub tegmento*
> *"Netuŝebla Fundamento".*
> *Tuŝu ĝin nur la Mefisto;*
> *estas mi esperantisto.*
>
> Julio Baghy

**Ĉu ne estas vere, ke la lingvo multe evoluis kaj tiu libro definitive arĥaikiĝis? Sekve, ĉu studi ĝin ne estas tempoperdo?**

La tri leĝoj de la fizika movo estis diskonigitaj de Neŭtono en 1687 kaj ili tute ne arĥaikiĝis ĝis hodiaŭ, kvankam novaj leĝoj estis eltrovitaj de aliaj postaj sciencistoj. La samo validas por la *Fundamento*. Ĝi ne arĥaikiĝas, ĉar ĝi estas la bazo sur kiu

> *Por ke lingvo internacia povu bone kaj regule progresadi kaj por ke ĝi havu plenan certecon, ke ĝi neniam disfalos kaj ia facilanima paŝo de ĝiaj amikoj estontaj ne detruos la laborojn de ĝiaj amikoj estintaj, — estas plej necesa antaŭ ĉio unu kondiĉo: la ekzistado de klare difinita, neniam tuŝebla kaj neniam ŝanĝebla* Fundamento *de la lingvo.*
>
> L.L. Zamenhof

staras la tuta konstruaĵo de Esperanto. Zamenhof tiel lerte kreis la *Fundamenton*, ke ĝi eĉ permesas, ke novaj reguloj kaj vortoj eniru en la lingvon, kondiĉe, ke ili ne nuligu la antaŭajn, por ke oni ne perdu la laboron de la unuaj tempoj de la lingvo. Se la *Fundamento* ne ekzistus, tiam oni povus pensi, ke estas tempoperdo studi la Esperantan gramatikon, ĉar iu ajn povus elpensi novajn regulojn kaj instrui ilin en siaj lernolibroj, nuligante ĉion antaŭe faritan. Kaj nia historio montras, ke ĉiam ekzistis homoj, kiuj kredis, ke Esperanto ne venkas ĉar ĝi havas akuzativon, aŭ ĉar ĝi ne havas subjunktivon, aŭ ke ĝi devus havi alian alfabeton kaj aliajn pronomojn, sufiksojn ktp, ktp sen fino. La konstanta studado de la *Fundamento* fare de ĉiuj esperantistoj kaj la honesta uzado de ĝiaj reguloj estas la garantio, ke Esperanto ne nur ne ruiniĝos, sed ke ĝi ankaŭ evoluos kaj riĉiĝados sur solida kaj neŝancelebla bazo.

## Kial vi decidis publikigi portugallingvan version de la *Fundamento*?

Ĉiam, kiam mi parolis pri la *Fundamento* en la bazaj kursoj de Esperanto, oni ĉiam demandis min, kie oni povas trovi tiun misteran, netuŝeblan libron. Certagrade, la lernantoj pravis, ĉar preskaŭ ne ekzistas novaj eldonoj de la *Fundamento*. Krome, la libro estas skribita en ses lingvoj (Esperanto, Franca, Angla, Germana, Rusa kaj Pola) kaj tio timigis la lernantojn. Mi sentis, ke necesas fari novajn eldonojn de la *Fundamento* en ĉiuj naciaj lingvoj, sed tamen konservante la originan seslingvan tekston, ĉar ĝi estas la nura, sola kaj vera *Fundamento*. Tial mi decidis aĉeti ĉiujn ekzistantajn eldonojn de la *Fundamento* kaj studi ilin, por fari ĝian tradukon al la brazilportugala lingvo. Mi akcentas tiun "brazilportugalan", ĉar ekzistas kelkaj diferencoj inter la Portugala lingvo parolata en Brazilo kaj la Portugala parolata en la aliaj portugallingvaj landoj. Kaj mi kredas, ke ĉiu lando devus havi sian tradukon de la *Fundamento*. Tio validas eĉ por tiuj lingvoj de la origina *Fundamento*. Ja oni povas, paralele kun la origina seslingva teksto, havi eldonojn en la nuntempa Franca, Angla, Germana, Rusa kaj Pola lingvoj, ĉar tiuj lingvoj suferis plurajn ŝanĝojn en siaj ortografioj kaj eĉ semantiko dum la pli ol centjara ekzisto de la *Fundamento*. En ĉi tiu eldono, kiun mi lanĉos en Januaro 2015, mi prenis la originan tekston el la retejo de la Akademio de Esperanto kaj komparis ĝin vorton post vorto, eĉ literon post litero, kun la papera eldono de Edistudio (2005), la plej freŝdata eldono kun fotokopio de la origina verko eldonita en 1905. Mi esperas, ke tiu prilaborita dosiero estos utila por la aperigo de novaj nacilingvaj versioj de la *Fundamento*.

## Kiam kaj kiel komenciĝis via laboro pri la portugaligo? Kiujn malfacilaĵojn vi alfrontis ĝis nun?

En la komenco de 2014 mi aĉetis ĉiujn haveblajn nacilingvajn eldonojn de la *Fundamento* (nome la lingvoj Nederlanda, Hungara, Slovaka kaj Itala) kaj per helpo de la interreto mi sukcesis kompreni ilin, kvankam mi ne parolas tiujn lingvojn. Dum tiu tempo mi decidis traduki la *Fundamenton* en mian lingvon. Sed antaŭe mi esploris, ĉu oni ne jam estis farinta tion. Mi sciis, ke partojn de la *Fundamento* (la *Gramatikon* kaj la *Ekzercaron*) tradukis Ismael Gomes Braga en la mezo de la 20-a jarcento. Mi ankaŭ trovis partojn de la *Fundamento* en aliaj malmultaj libroj, sed ili ĉiam estis bazitaj

> *Kio estas vere danĝera, tio estas la dogmo de la neŝanĝebleco kaj la fanatikeco, per kiu oni ĝin encerbigas al la esperantisto.*
>
> Louis Couturat
> (Unu el la kreintoj de Ido)

sur la traduko de Ismael. Fine, je la 30-a de Aprilo 2014 mi komencis traduki la *Fundamenton*. Mia unua plano estis eldoni nur la nacilingvan parton, kiel mi vidis en tiuj nacilingvaj eldonoj, kiujn mi aĉetis. Sed baldaŭ mi venis al la konkludo, ke la laboro ne estus kompleta, se la legantoj ne povus koni la veran tekston de la *Fundamento*. Pro tio, mi skribis al la responsuloj de Edistudio kun peto, ke ili permesu al mi skani la paĝojn de la originala teksto. Post kelka tempo mi ricevis la respondon, ke mi povus skani la tekston, sed oni avertis min, ke ĝi estis kopio de kopio de kopio, kaj eble nova skanado malaltigus la kvaliton de la teksto, ĉefe en la ruslingva parto, kie kelkaj literoj estis preskaŭ nelegeblaj. Feliĉe antaŭ kelkaj monatoj mi eksciis, ke en la retejo de la Akademio de Esperanto estas versio origine enkomputiligita en XML-a formo de Wolfram Diestel kaj poste enretigita — se mi ne eraras! — de Bertilo Wennergren. Tiun version mi kopiis al mia komputilo kaj mi tuj vidis ke, antaŭ ol traduki ĝin, mi devos kompari ĝin eĉ litero post litero kun la papera eldono de Edistudio, por ke la nova dosiero, prilaborota de mi, estu kiel eble plej fidela al la origina teksto, eĉ kun ties eraroj! Kaj multajn diferencojn mi trovis ekzemple en la interpunkciado, ĉar Zamenhof uzis plurajn specojn de citiloj, kiujn mi devos sekvi plej fidele. Nu, la 27-an de Junio 2014 mi finis la tradukadon de la tuta teksto, eĉ de la *Universala Vortaro*. Tiam mi petis de kelkaj kleraj esperantistoj, ke ili helpu min en la reviziado de la teksto, kiun reviziadon mi komencis en tiu sama tago. Tamen en la sekvaj semajnoj mi devis interrompi la laboron por partopreni en la 70-a IJK, okazonta en Fortalezo, kaj en la 99-a UK, en Bonaero. En Aŭgusto ĉi-jara mi reprenis la laboron kaj komencis serĉi eldoniston. Post kelka serĉado, Brazila Esperanto-Ligo konsentis eldoni la libron kaj mi serĉis homon por transformi mian manuskripton al la presota formato.




## Kiel statas la manuskripto kaj espereble kiam vi publikigos la libron?

Nun mi jam finis la reviziadon de la teksto, sed ankoraŭ ricevas sugestojn de tiuj kleraj esperantistoj. Intertempe mi jam ricevis la unuan parton (el tri) de la prespreta dosiero por fari la lastan reviziadon antaŭ ol sendi la manuskripton al la presejo. Mi esperas, ke ĝis la fino de Decembro la libro jam estos presita, tiel ke mi povos lanĉi ĝin dum la Jubilea 50-a Brazila Kongreso de Esperanto, kiu okazos en Rio-de-Ĵanejro en Januaro 2015.


L.-L. ZAMENHOF

Fundamento
de Esperanto

MALDEKSTRE: LA UNUA ELDONO DE LA *FUNDAMENTO* (1905)

Por ĉiu el la ĉi-subaj vortoj troveblaj en la *Fundamento*, esploru ĝian difinon per PIV aŭ REVO, elektu almenaŭ unu alian vorton el la sama verko, kiu rimas kun ĝi, kaj trovu ankaŭ ties signifon. Vi ne rajtas uzi afiksojn.

| | | | |
|---|---|---|---|
| *Agaci* | *Emajlo* | *Kalikoto* | *Rasti* |
| *Agordi* | *Epoleto* | *Kanvaso* | *Rodo* |
| *Akceli* | *Erinaco* | *Karafo* | *Sardelo* |
| *Angilo* | *Eskadro* | *Koakso* | *Skermi* |
| *Baldakeno* | *Faŭko* | *Laŭbo* | *Sprono* |
| *Barakto* | *Granato* | *Liano* | *Trajto* |
| *Basko* | *Hedero* | *Pelto* | *Trulo* |
| *Ĉarniro* | *Impliki* | *Pudelo* | *Vato* |
| *Cinabro* | *Ingveno* | *Punca* | *Vekto* |

# Forpasoj

## Euripedes Alves Barbosa



### José Lins de Albuquerque (1920–2014)

José Lins de Albuquerque naskiĝis la 6-an de Aŭgusto 1920, en Krateuso (Crateús), Cearao, kaj diplomiĝis pri inĝenierarto en la urbo Oropreto (Ouro Preto), ŝtato Mino, en 1947.

Kiel inĝeniero, José Lins laboradis en la Elektra Kompanio de Mino, kie li konatiĝis kun esperantisto Dilermando Teixeira. Tiutempe José Lins esperantistiĝis, varbita de Dilermando.

En 1949, José Lins transloĝiĝis al Fortalezo, kie, en la sekvanta jaro, li zorgis pri la fondo de Cearaa Esperanto-Klubo. Ĝi funkciis ĉe la loĝejo de Antônio Eugênio Cavalcante, kaj tie José Lins komencis plurajn kursojn. En la verko *Historio pri la Esperanta Movado en Brazilo*, kunordigita de Osvaldo Pires de Holanda, oni trovas jenajn klarigojn: *La nombro da anoj pligrandiĝis rapide. Estis interparolado, distroj, piknikoj kaj ekskursoj. José Lins de Vasconcelos kaj José Eduardo Ribeiro, la plej entuziasmaj, komencis je la 26-a de Marto 1950 programon de disvastigo de Esperanto pere de radiostacio PRE-9, ĉiun dimanĉon de la dua ĝis la dua kaj kvarono posttagmeze.*

Talenta poeto, li skribis belajn poemojn en Esperanto kaj ilin dediĉis plejparte al Maria Nise Studart, sia lernantino de Esperanto kaj poste sia edzino. Maria Studart forpasis la 16-an de Majo 2010, en Braziljo, ĉefurbo de Brazilo, kaj la revuo *Brazila Esperantisto* aperigis ŝian nekrologon en la Junia numero de 2012.

José Lins estis profesoro en la Fakultato de Inĝenierarto de Cearao kaj estis elektita senatano en 1978 kaj federacia deputito en 1986. Tiamaniere la Cearanoj monstris sian altan estimon kaj admiron al tiu brazila politikisto, kiu jam antaŭe pruvis sian laborkapablon.

José Lins estis membro de la Organiza Komitato de la 6-a Nordorienta Kunveno de Esperanto, okazanta en Fortalezo en 1956, kaj okupis la prezidantecon de Brazila Esperanto-Ligo de 1990 ĝis 1992. Ĉe la 18-a Brazila Kongreso de Esperanto, okazanta en Fortalezo, en 1964, José Lins reprezentis, ĉe la malferma kunsido, la ŝtatestron de Cearao, kaj bonvenigis la kongresanojn kaj, kiel esperantisto, finis sian saluton en Esperanto. Nia karega samideano estis la prezidanto de la Kongresa Komitato de la 66-a Universala Kongreso de Esperanto, kiu okazis en Braziljo, de la 25-a de Julio ĝis la 1-a de Aŭgusto 1981.

José Lins de Albuquerque, estante 94-jara, forpasis la 3-an de Novembro 2014, en Braziljo.

### Lia Milhomem Moreno (1932–2014)



Forpasis la 15-an de Septembro 2014, en Braziljo, nia samideanino Lia Milhomem Moreno, kiu respondecis, dum longa tempo, pri la kursoj de Esperanto ĉe la sidejo de Brazila Spiritisma Federacio, en Braziljo.

Ŝi partoprenis en la unua estraro de Asocio Spiritisma *Mondo*, organizaĵo fondita la 15-an de Decembro 1995, en Braziljo, kaj ankaŭ estis membro de la Kontrola Konsilantaro de Brazila Esperanto-Ligo, dum la oficperiodo 2010–2013.

Lia naskiĝis la 18-an de Oktobro 1932, en la urbo Barodokordo (Barra do Corda), Ŝtato Maranjano. Ŝi ankaŭ estis faka delegito de Universala Esperanto-Asocio (UEA) pri Brazila literaturo, muziko kaj katoj.

Lia Milhomem diplomiĝis ĉe Fakultato de Artoj *Dulcina de Moraes*, en Braziljo, kaj estis funkciulino de la Brazila Ĉeftribunalo, sed antaŭe ŝi instruis muzikon en la urboj Gojanjo kaj Braziljo.

# Preferinde la Tarpejan Rokon

## Machado de Assis



*N.T.: La portugallingva versio de tiu ĉi rakonto publikiĝis unuafoje en la* Almanako de Notica Gazeto *(1887), sed neniam libroforme dum la vivo de sia aŭtoro.*

Kiele mi troviĝis tie supre? Ĝi estis tegmentero, dekliva, malnova, tre mallarĝa, kun kvin manstreĉoj da muro malantaŭe. Mi ne scias, ĉu mi iris tien serĉi ion; ŝajne jes, sed, kio ajn ĝi estis, ĝi jam defalis aŭ forflugis, ne plu estis kun mi. Sed mi restis tie supre, sola, sen ajna rimedo por reveni suben.

Mi komencis kompreni, ke mi spertas premsonĝon. Jam kelkaj jaroj pasis. La strato aŭ vojo, kie staris tiu konstruaĵo estis dezerta. De supre mi rigardadis ĉiudirekten sen trovi eĉ homan signon. Nenio povus savi min; nek ŝtipo, nek ŝnuro. Mi iradis maltrankvila tien kaj reen, malrapide, singarde, ĉar la tegoloj estis antikvaj, kaj ankau ĉar la plej eta malzorgo glitfaligos min sur la grundon. Mi daŭre rigardis foren, esperante, ke aperos savanto; mi rigardis ankaŭ malsupren, sed la ideo salti maleblis; granda estis la alteco, nepra la morto.

Subite, nesciante el kie ili venas, mi vidis malsupre kelkajn homojn, malmultajn, paŝantajn, kelkajn el dekstre, aliajn el maldekstre. Mi ekkriis de supre al tiu pasanta plej proksime:

— Hola, sinjoro! helpu min!

Sed la viro nenion aŭdis, kaj pluiris. Mi ekkriis al alia, kaj al alia; ĉiuj preterpasis ne aŭdante mian voĉon. Mi, senmova, apogita sur la muro, kriadis pli laŭte, kiel tondro. La timo kreskadis, la kapturno komenciĝis; kaj mi kriadis, ke oni savu mian vivon, per ŝtuparo, ŝnuro, ŝtipo, mi petis litotukon, kiu almenaŭ kaptos min dum la falo. Ĉio vanis. El la pasantoj restis nur tri, poste du, poste unu. Mi ekkriis al tiu lasta per ĉiuj fortoj, kiuj restis al mi:

— Helpon! helpon!

Li estis junulo, kun novaj vestoj, kiu paŝadis kaj rigardadadis siajn botojn kaj pantalonon. Li ne aŭdis min, pluiris, kaj malaperis.

Kvankam soliĝinte, mi tamen ne ĉesis krii. Mi vidis neniun, sed vidis la danĝeron. La aflikto jam estis neeltenebla, la teruro atingis paroksismon… Mi rigardis suben, rigardis foren, kriis, ke oni helpu min, kaj havis kapturnon kaj hirtajn harojn… Mi ne scias, ĉu fine mi falis; subite, mi trovis min vekita surlite.

Mi enspiris abunde, kun la sento de homo elirinta el premsonĝo. Sed tiam okazis stranga fenomeno; liberigite el la danĝero, mi ekfrandis ĝin. Verdire, mi spertis kelkajn minutojn aŭ sekundojn da eksterordinaraj sentoj; mi travivis puran teruron, kapturnon kaj malesperon, inter vivo kaj morto, kvazaŭ plumpilko ĵetata de unu mistero al la alia; sed la certeco, ke ĝi estis sonĝo, donis alian aspekton al la danĝero, kaj kaŭzis en la animo ian malklaran deziron resperti ĝin. Kial zorgi, se ĝi estis sonĝo?

Tiel mi pensadis, kun fermitaj okuloj, duondorma; mi ne forgesis la cirkonstancojn de la premsonĝo, kaj la certeco, ke mi ne falos, plenekscitis la deziron troviĝi refoje sur la supro de la muro, senhelpa kaj terurata. Tiam mi forte okulfermis por ne plene vekiĝi, kaj por ke la imagpovo ne trovu tempon moviĝi al alia speco de vizioj.

Mi tuj ekdormis. La sonĝoj venis, dispecigitaj, jen voĉo, jen profilo, grupoj de homoj, de domoj, unu monteto, gaso, suno, tridek mil konfuzaj aferoj, kiuj ligiĝis kaj malligiĝis. Subite mi vidis tegmenton, rememoris la alian, kaj ĉar mi ekdormis esperante daŭrigi la premsonĝon, mi sentis ian miksaĵon de ĝuo kaj teruro. Jen la tegmento de domo; la domo havis fenestron; ĉe la fenestro staris viro; tiu viro komplimentis min ridetante, malfermis la pordon, enirigis min, refermis la pordon kaj enpoŝigis la ŝlosilon.

— Kion vi faras? mi demandis lin.

— Mi celas, ke oni ne ĝenu nin, li respondis ridetante.

# Tradukis Francisco S. Wechsler

Poste li klarigis, ke li portas libron enmane, procesas iun kaj estas kandidato al posteno de deputito: jen tri senfinaj temoj. Li parolis pri la libro, kun tricent paĝoj, kun citaĵoj, notoj, aneksoj; li raportis ĝian doktrinon, metodon, stilon, legis al mi tri ĉapitrojn. Mi laŭdis ilin, li legis pliajn kvar. Poste, volvante la manuksripton, li diris, ke li antaŭvidas la kritikojn kaj kontraŭdirojn; prezentis ilin kaj refutis unu post alia.

Mi, sidante, spronis la orelojn, esplorante, ĉu venos iu; mi petis de Dio rabiston aŭ justicoficiston, kiu trarompu la pordon. Li profitis la justican temon por raporti al mi la proceson, kiu estas ŝtelego de lia kontraŭulo, sed kiun li venkos je ajna kosto. Li kaŝis de mi nenion; mi aŭskultis la motivon, kaj ĉiujn sinsekvojn de la proceso, kun anekdotoj enmeze, unu pri la registristo, kiun subaĉetis lia kontraŭulo, alia pri prokuroro, la interparolojn kun la juĝistoj, tri tribunalajn decidojn kaj ĉi ties respektivajn fundamentojn. Rezulte de sia pledado, tiu homo konis multe da teksto, dekretoj, leĝoj, reĝordonoj, citis la librojn kaj alineojn, priŝprucis ĉion per Latinaj saliveroj. Kelkfoje li parolis paŝante, por priskribi la terenon — temis pri teroj — jen ĉi la rivero, fluanta tien, kuniĝanta al alia pli sube; jen ĉi-flanke la tero de Tiaulo, jen tie la tero de Aliulo… Evidenta ŝtelego; kion vi opinias?

— Vi pravas.

Li sekigis al si la frunton, kaj ektraktis sian kandidatecon. Ĝi estas rajta; li ne neas, ke povus ekzisti aliaj rajtaj; sed lia estas la plej rajta. Li jam servis sian partion, ne temas pri bagatelo, li ne almozpetas voĉdonojn. Kaj li raportis la servojn plenumitajn dum dudek jaroj da voĉdonaj bataloj, presbataloj, apogado al siaj amikoj, obeado al siaj estroj. Kaj ĉio ĉi ne estas premiinda? Ĉu li devos cedi sian postenon al filoj? Li laŭtlegis la cirkuleron, ĝi havis nur tri paĝojn; kun la parolaj komentoj, sep. Ĉu al tia homo oni volas bari la iradon? Vane oni intrigos; li scias, ke oni intrigas kontraŭ li, pluvas anonimaj leteroj... Lasu ilin pluvi! Oni traserĉu lian pasintecon, nenion trovos, nenion krom senmakula vivo, kaj, sen falsa modesteco, modelon de bonegaj kvalitoj. Li komencis malriĉa, tre malriĉa; se ion li posedas, tion li ŝuldas al laboro kaj ŝparemo — la du levostangoj de progreso.

Se nur unu el tiuj malnovaj levostangoj tie troviĝus, ĝi sufiĉus por faligi la pordon; sed neniu el la du, nur li, kiu plu parolis, dirante ĉion, kio li estas, kio li ne estas, kio li estintus kaj kio li fariĝos — iu Herkuleso, kiu purigos la ĉevalstalon de Aŭgio —, fortanima viro, kiu ne petas pli ol tempon kaj pravigon. Oni pravigu lin balote, kaj li plenumos la ceteron. Kaj la cetero estis ankoraŭ multe pli ol mi supozis… Mi, senforta, rigardadis la pordon, kaj la pordo, muta, nesondebla, ne donis al mi eĉ plej etan esperon. *Lasciate ogni speranza…*[1]

Ne, jen venis pli ol espero; la realo retrovis min vekita, surlite. Ankoraŭ estis malfrua nokto; sed malgraŭe mi ne klopodis endormiĝi, kiel unuafoje. Mi decidis legi por ne dormi. Kial? Unu homo, unu libro, unu proceso, unu kandidateco, kial mi timis rehavi ilin, se antaŭe, kun gaja mieno, mi direktis min refoje al la tegmento, kie…?

Leganto, la kaŭzo estas simpla. Mi pensas, ke en riskata vivo kuŝas ia gusto aparta kaj alloga; sed en pacienco riskata kuŝas nenio. Oni rememoras abismon plezure; oni ne povas rememori tedulon sen timego. Preferinde la Tarpejan Rokon ol aĉan aŭtoron.

Noto:

[1] Aludo al la avizo, kiu, laŭ la *Dia Komedio* de Dante, staras ĉe la enirejo de la Infero: *Lasciate ogni speranza voi ch' entrate* [laŜATe ONJi speRANca voj kenTRAte]. Itale: *forlasu ĉian esperon, vi enirantoj.*

*Okazon kaptu ĉe l' kapo, ĉar la vosto estas glita.*

El la *Proverbaro Esperanta* de L. L. Zamenhof

# Murilo Mendes: la poeto de la transcenda malordo

## Maria Nazaré Laroca





Unu el la plej grandaj brazilaj poetoj, Murilo Monteiro Mendes naskiĝis en Juiz de Fora, MG, la 13-an de Majo 1901 kaj mortis en Estoril, Portugalio, la 13-an de Aŭgusto 1975.

Laŭ la poeto Manuel Bandeira li estis "eble la plej kompleksa, la plej stranga kaj certe la plej fekunda poeto de tiu generacio".

La liriko de Murilo Mendes estas plurala tiel, kiel la universala poeto mem. Li estas unu el la plej originalaj verkistoj el la brazila modernismo kaj starigis la superrealisman mistikismon, nome sian "transcendan staton de malordo", kvankam verse li diras: "mi subskribas nenian teorion"…

Mi esperantigis pecon de la famkonata poemo *Mapo,* kiu iomete montras la poezian vivflugon de Murilo Mendes tiam, kiam li estis 24-jaraĝa.

Ni frandu ĝin:

*Oni gluis min sur la tempon, oni metis en min vivantan animon kaj dispartigitan korpon, mi estas limigita norde per la sensoj, sude per timo,*
*oriente per l' Apostolo Sankta Paŭlo, okcidente per mia edukado.*
*Mi vidas min mem ene de nebulozo, turniĝante mi fluaĵas,*
*poste mi venas al la konscio pri la tero, marŝante kiel la aliaj,*
*oni najlis min sur kruco, dum sola vivo.*
*Lerneje. Mi koleras, ili nomumas min numero, mi malamas hierarkion.*
*Oni min surmetis per homa etiketo, mi ridadas, mi ade promenas, eksalte.*
*Mi dancas. Mi ridas kaj krias, mi estas ĉi tie, mi estas tie, senkonekte,*
*Mi ŝatas ĉiujn kaj neniun, mi batalas kontraŭ la spiritoj de l' aero,*
*iu el la tero signas al mi, mi ne plu scias, kio estas bono aŭ malbono.*
*(...)*
*vivu mi, kiu inaŭguras en la mondo la staton de transcenda malordo.*
*(...)*
*Mi subskribas nenian teorion,*
*mi estas en la aero,*
*en l' animoj de l' krimuloj, de l' amantoj senesperaj,*
*en mia modesta ĉambro ĉe plaĝo en Botafogo,*
*en la mensoj de la homoj, kiuj movas la mondon,*
*nek trista aŭ ĝoja, iranta duokula flamo*
*ŝanĝiĝanta ĉiam.*

Verkaro de Murilo Mendes
*Poemas*, 1930
*História do Brasil*, 1932
*Tempo e Eternidade*, 1935 (kune kun Jorge de Lima)
*A Poesia em Pânico*, 1938
*O Visionário*, 1941
*As Metamorfoses*, 1944
*O Discípulo de Emaús*, prozo, 1944
*Mundo Enigma*, 1945
*Poesia Liberdade*, 1947
*Janela do Caos*, 1948
*Contemplação de Ouro Preto*, 1954
*Poesias*, 1959
*Tempo Espanhol*, 1959
*Poliedro*, 1962
*Idade do Serrote*, memórias, 1968
*Convergência*, 1972
*Retrato Relâmpago*, 1973
*Ipotesi*, 1977, postmorte
*A Invenção do Finito*, 2002, postmorte
*Janelas Verdes*, 2003, postmorte.

# Ridu, se vi povas!

## Ambicia kandidato

Je la fino de dungintervjuo, la oficisto demandas junan inĝenieron, ĵus diplomitan ĉe fama Instituto:

— Kaj kian komencan salajron vi esperas ricevi?

La inĝeniero respondas:

— Proksimume 125 mil dolarojn ĉiujare, sed tio dependos de la kromavantaĝoj.

La intervjuanto demandas:

— Nu, kion vi opinias pri pakaĵo, kiu inkluzivas kvinsemajnan ferion, 14 pagatajn libertagojn, plenan medicinan kaj dentan asekuron, emeritiĝan fonduson kun 50% de la salajro kontribuotaj de la kompanio, kaj novan kompanian aŭtomobilon repruntotan ĉiun duan jaron, ekzemple, ruĝan Corvette?

La inĝeniero rektigas la dorson kaj ekkrias:

— Ĉielo! Ĉu vi ŝercas?

La intervjuanto replikas:

— Jes, sed ja vi komencis tion.

## Sinofera ago

Du pacientoj ĉe frenezulejo promenas apud naĝejo. Unu el ili saltas en ĝin, kaj la alia ankaŭ ensaltas por savi lin. Ilia kuracisto vidas la savon kaj alvokas la savinton al sia oficejo.

— Viaj agoj montras, ke via mensa stato estas perfekta — diras la kuracisto al la paciento. — Vi rajtas reveni hejmen al via familio, sed, antaŭ ol fari tion, vi devas scii, ke la homo savita de vi pendumis sin hodiaŭ.

La paciento replikas:

— Li ne pendumis sin; ja mi pendigis lin, por ke li sekiĝu.

## Evoluteorio

Infano demandas sian patron:

— Kiel homoj naskiĝas?

Lia patro respondas:

— Adamo kaj Evo faris bebojn, poste iliaj beboj plenkreskis, faris bebojn kaj tiel plu.

Tiam la infano iras al sia patrino, faris al ŝi la saman demandon, kaj ŝi diras:

— Ni estis simioj kaj poste evoluis, ĝis ni fariĝis tiaj, kiaj ni estas nun.

La infano kure revenis al sia patro kaj plendis:

—Vi mensogis al mi!

La patro kontestas:

— Ne, via panjo parolis pri *sia* familibranĉo.

## Prilumado

Du gelaboristoj babilas en fabriko. La virino diras:

— Mi konvinkos la estron liberigi min hodiaŭ.

La viro demandas:

— Kiel vi sukcesos tion fari?

La virino respondas:

— Nur atendu, kaj vi vidos.

Tiam ŝi renverse pendigas sin de la plafono. La estro vidas tion kaj demandas:

— Kion vi faras?

La virino respondas:

— Mi estas lumampolo.

La estro diras:

— Vi estas laboras tiom multe, ke vi freneziĝis. Al mi ŝajnas, ke mi povas liberigi vin hodiaŭ.

La viro komencas sekvi ŝin, kaj la estro diras:

— Kion vi faras?

—Ankaŭ mi iros hejmen. Mi ne sukcesas labori en mallumo.

## Ne malĉeestu la ludon

Hodiaŭ okazas la decida finludo de la korbopilka turniro, kaj unu viro direktas sin al sia seĝo apud la mezo de la ludkorto. Li eksidas, kaj rimarkas, ke la seĝo apuda restas vaka. Li sin klinas kaj demandas sian najbaron, ĉu iu sidos tie. Li respondas:

— Ne, la seĝo vakas.

La alia viro ekkrias:

— Kio?!? Ĉu iu en sana mensostato havus sidlokon tian, kia ĉi tiu, sed ne uzus ĝin?

— La najbaro respondas:

— Nu, la loko apartenas al mi, sed mia edzino forpasis, kaj jen la unua finludo, kiun ni ne spektas kune.

La alia respondas:

— Mi bedaŭras. Ĉu ne troviĝis aliulo, amiko aŭ parenco, kiu povus okupi tiun seĝon?

La najbaro respondas:

— Ne, ili ĉiuj ĉeestas nun la entombigon.

### Bonega sanstato

La bienisto Joĉjo longe konsideris kaj decidis, ke la vundoj, kiujn li suferis en trafikakcidento, estas sufiĉe gravaj por procesi en tribunalo la posedanton de la alia veturilo.

En la tribunalo, la advokato de la juĝato komencas pridemandi Joĉjon:

— Ĉu vi ne diris, tuj post la akcidento: "Mi fartas bonege!"?

— Nu, mi rakontos, kio okazis. Mi ĵus metis mian mulon sur la ŝarĝaŭteton…

— Mi ne petis de vi detalojn! — interrompas la advokato. — Ĉu vi ne diris, en la loko de la akcidento: "Mi fartas bonege!"?

— Nu, mi metis la mulon sur la ŝarĝaŭteton….

La advokato refoje interrompas lin:

— Juĝista Moŝto, en la loko de la akcidento ĉi tiu homo diris al la ŝosepolicisto, ke li fartas bone. Nun, kelkajn semajnojn post la akcidento, li klopodas procesi mian klienton. Bonvolu peti lin simple respondi al mia demando.

La juĝisto, kiu tre interesiĝis pri la respondo de Joĉjo, diras al la advokato:

— Mi deziras aŭskulti, kion li intencas diri.

— Kiel mi estis diranta, mi metis la mulon sur la ŝarĝaŭteton kaj laŭveturis la ŝoseon, kiam alia ŝarĝaŭteto malobeis ruĝan semaforon kaj batiĝis kontraŭ la mian, ĝuste sur ĝian flankon. Mi estis elĵetita al unu flanko de la ŝoseo, kaj la mulo flugis al la alia flanko. Mi estis grave vundita kaj ne povis moviĝi. Sed mi povis aŭdi la mulon heni kaj grunti, kaj, pro la bruado, mi konludis, ke ĝia stato estas serioza.

— Kaj do? — demandas la juĝisto, tre scivole.

— Poste la policisto alvenis. Li aŭdis, ke la mulo krias kaj iris al ĝi. Ekrigardinte ĝin, li prenis sian revolveron kaj pafis ĝin trifoje. Poste li trairis la ŝoseon kun la armilo enmane, rigardis al mi, kaj diris, ke la mulo tre malbonfartis, kaj ke li devis mortigi ĝin. Tiam li demandis, ĉu mi bonstatas.

— Kaj kion vi respondis? — demandis la juĝisto.

— Ha, sinjoro juĝisto, imagu vin en mia rolo… mi konsideris, kion li faris al la mulo, kiu malbone statis, kaj mi respondis: "Mi fartas bonege!"

### Atentema bopatrino

Danĝera rabisto eniras bankon armite. Timigante la klientojn, li iras al komizo kaj postulas la tutan monenhavon de la kaso. Kun la mono enmane, li turnas sin al unu el la klientoj, kaj demandas:

— Ĉu vi vidis min prirabi ĉi tiun bankon?

Per tremanta voĉo li respondas:

— Jes, mi vidis.

Sen ajna pripenso, la rabisto pafas lin. Poste, li demandas junulon starantan apud sinjorino:

— Hej, ĉu vi vidis min rabi ĉi tiun bankon?

— Mi vidis nenion, sinjoro…

— Ĉu vi certas?

— Jes… Sed mia bopatrino, ĉi tiu sinjorino apude, diris, ke ŝi ĉion vidis!

### Ŝirmu la medion!

Tre konscia pri la neceso ŝirmi la medion kaj dediĉita al la plibonigo de la mondo, unu belulino vojaĝas al Amazonio, kaj gastigas sin ĉe hotelo ekologie ĝusta, meze de la ĝangalo.

Ĉar ŝia ĉambro estas sufoke varma kaj ne havas klimatizilon, antaŭ ol enlitiĝi ŝi malfermas la fenestron por aerumi ĝin iomete. Sed, anstataŭ aero, enflugas la ĉambron amaso da kuloj.

La belulino, tre nervoza, telefonas al la akceptejo:

— Bonvolu, mia ĉambro estas sufoke varma. Mi malfermis la fenestron por aerumi ĝin, sed enflugis amaso da kuloj. Kion mi faru? Mi ne volas uzi kulmortigilojn aŭ forpelilojn!

La hotelkomizo konsilas:

— Se vi malŝaltos ĉiujn lampojn de la ĉambro kaj restos en mallumo, la kuloj certe foriros.

La belulino do restas en mallumo kaj rimarkas, ke, post kvin minutoj, ne plu restas kuloj en la ĉambro. Tamen, post dek minutoj ŝi vidas eniri amason da lampiroj.

Ŝi tuj telefonas al la akceptejo.

La komizo demandas:

— Kio okazas nun, sinjorino?

La belulino respondas, ankoraŭ pli nervoza:

— Ne utilis malŝalti la lampojn, karulo… La kuloj revenis portante lanternojn!!

### Monŝpara novaĵo

Unu knabo alvenas hejmen je jarfino kaj ekkrias:

— Paĉjo, mi alportis novaĵon por vi!

— Pri kio temas? — demandas la patro.

— Ĉu vi ne promesis, ke vi donus al mi biciklon, se mi aprobiĝus ĉe la lernejo?

— Jes, filo.

— Nu, do vi profitis. Vi ŝparis sumegon.

# Kriptogramo

## José Saraiva Mattos

Sube kaj dekstre troviĝas fakoj, kelkaj kun numero ene de ili. Sube kaj maldekstre videblas difinoj. Post la solvo aperos ene de la reliefaj fakoj literoj, per kiuj oni formas la nomon de la nuna Katolika Ekleziestro. Literoj egalaj, numeroj ankaŭ egalaj. Sur la sekva paĝo troviĝas nedeviga tabelo por plifaciligi vian taskon kaj ankaŭ la kompleta solvo. La aŭtoro respektoplene salutas la Argentinan Pontifikon.

| | | | | | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| 1 | Ago de tiu, kiu sabotas. | | 5 | 21 | 19 | 9 | 5 | 1 | 19 |
| 2 | Granda havenurbo en Japanujo. | 4 | | 15 | 5 | 14 | 5 | 12 | 19 |
| 3 | Sudokcidenta marbordo de Hindujo. | 10 | 5 | | 5 | 21 | 5 | 2 | 19 |
| 4 | Ago de tiu, kiu figuras. | 18 | 8 | 15 | | 2 | 5 | 1 | 19 |
| 5 | Ŝuldanto, debetulo. | 1 | 17 | 21 | 8 | | 19 | 2 | 19 |
| 6 | Diigo, glorigo. | 5 | | 19 | 9 | 17 | | 6 | 19 |
| 7 | Latuna blovinstrumento. | 12 | 16 | | 2 | 8 | 19 | | 19 |
| 8 | Monta masivo en Himalajo. | 5 | 4 | 5 | | 20 | 2 | 4 | 19 |
| 9 | Kontoro en komerca kompanio. | | 5 | 12 | 9 | | 2 | 8 | 19 |
| 10 | Tia, ke ĝi frapas la menson. | 18 | | 5 | 11 | 5 | 4 | 9 | 5 |
| 11 | Glaceigi. | 15 | 16 | | 3 | 8 | 20 | 10 | 8 |
| 12 | 1. Birdo. 2. Prefikso. | | 8 | 15 | | 19 | 1 | 8 | 14 |
| 13 | Politika popola parolado. | 1 | | 14 | 12 | 20 | 2 | 14 | 19 |
| 14 | Tia, ke ĝi troviĝas malproksima. | 17 | 12 | | 9 | 2 | 17 | 10 | 5 |
| 15 | Fari ekskorion. | 17 | 12 | 14 | | 19 | 2 | 8 | 8 |
| 16 | Nobela familio, kiu kreis reĝajn dinastiojn. | 21 | | 2 | 21 | | 4 | 19 | 7 |
| 17 | Kunposedanto de banko. | 21 | 5 | | 12 | 8 | 17 | 2 | 19 |
| 18 | Regno en Afriko. (PL) | 21 | 20 | 2 | | 4 | 1 | 19 | 7 |
| 19 | Gustoplene distinginda. | | 16 | 17 | 15 | | 4 | 9 | 5 |
| 20 | Plena aŭ parta manko de nutrado. | 8 | | 5 | 4 | 8 | 3 | 8 | 19 |
| 21 | Embria statforma globforma veziko. | 21 | 16 | 5 | | 9 | 20 | 16 | 19 |
| 22 | Aldonata al la kapitalo (rento). (PL) | | 12 | 20 | 10 | | 16 | 5 | 7 |
| 23 | Araba dinastio, origininta el Damasko. | 19 | | 5 | 7 | 5 | | 19 | 7 |
| 24 | Movado en la 18-a jarcento. | 12 | 16 | | 2 | 8 | 14 | 10 | 19 |
| 25 | Ĉeesto aŭ kvanto de kloro en la sango. | | 16 | 19 | | 17 | 10 | 8 | 19 |
| 26 | Objekto uzata por kovri ion. (PL) | 12 | | 13 | 2 | | 16 | 19 | 7 |

| 1 | 2 | 3 | 4 | 5 | 6 | 7 | 8 | 9 | 10 | 11 | 12 | 13 | 14 | 15 | 16 | 17 | 18 | 19 | 20 | 21 |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| D | R | C | N | A | Z | J | I | T | M | P | K | V | S | G | L | E | F | O | U | B |



## Solvo de la kriptogramo

| | | | | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| 1 | **S** | A | B | O | T | A | D | O |
| 2 | N | **A** | G | A | S | A | K | O |
| 3 | M | A | **L** | A | B | A | R | O |
| 4 | F | I | G | **U** | R | A | D | O |
| 5 | D | E | B | I | **T** | O | R | O |
| 6 | A | **P** | O | T | E | **O** | Z | O |
| 7 | K | L | **A** | R | I | O | **N** | O |
| 8 | A | N | A | **P** | U | R | N | O |
| 9 | **F** | A | K | T | **O** | R | I | O |
| 10 | F | **R** | A | P | A | N | T | A |
| 11 | G | L | **A** | C | I | U | M | I |
| 12 | **C** | I | G | **N** | O | D | I | S |
| 13 | D | **I** | S | K | U | R | S | O |
| 14 | E | K | **S** | T | R | E | M | A |
| 15 | E | K | S | **K** | O | R | I | I |
| 16 | B | **U** | R | B | **O** | N | O | J |
| 17 | B | A | **N** | K | I | E | R | O |
| 18 | B | U | R | **U** | N | D | O | J |
| 19 | **E** | L | E | G | **A** | N | T | A |
| 20 | I | **N** | A | N | I | C | I | O |
| 21 | B | L | A | **S** | T | U | L | O |
| 22 | **A** | K | U | M | **U** | L | A | J |
| 23 | O | **M** | A | J | A | **D** | O | J |
| 24 | K | L | **E** | R | I | S | M | O |
| 25 | **K** | L | O | **R** | E | M | I | O |
| 26 | K | **O** | V | R | **I** | L | O | J |

(Daŭrigo de la paĝo 8.)

Sed por veki la apetiton de legemuloj, jen mi citas pecon de la trafa traduko. Sur la paĝo 81, virta edzino skribas al viro, kiu emas delogi ŝin:

*Vi kredas, Sinjoro, aŭ ŝajnas kredi, ke amo kondukas al feliĉo; male mi estas tiel persvadita, ke ĝi malfeliĉigus min, ke mi volus neniam aŭdi ĝian nomon. Al mi ŝajnas, ke nur paroli pri ĝi malserenigas min; do, tiel meminkline kiel laŭdeve mi petas vin ekde nun silenti pri amo.*

Mi varme rekomendas al ĉiuj ĉi tiun belan volumon, kiu certe riĉigos la bretaron kaj kontentigos amon al bona literaturo.



# BEL-Konferencoj

## 3–4 Aprilo 2015

